Esperanto HAMBURG



2/2004
Februaro/Marto
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.



Samarkando: Portalo de maŭzoleo Ŝadi-Mul-Aka, unu el multaj valoraj konstruaĵoj

# Monda Kultura Heredaĵo: Samarkando

La urbo Samarkand troviĝas apud la fama antikva Vojo de Silko en Uzbekistano. Ĝi estis fondita jam 500 jarojn antaŭ Kristo kaj estis konkerita de diversaj fremdaj potencoj pro ĝia riĉeco. Grekoj, Ĉinoj, Persoj, Turkoj kaj Rusoj dum certa tempo regis la landon.




Vizitis nian klubon Anatoli Ionesov el Samarkando (Uzbekistano) kaj prezentis sian urbon, landajn kutimojn kaj manĝaĵojn. Anatoli montris diapozitivojn pri la imponaj historiaj konstruaĵoj de Samarkando kaj klarigis la historian evoluon kaj la kulturajn kaj sciencajn atingaĵojn.

La urbo Samarkando estis fondita jam en tempo, kiam en norda Eŭropo nur vivis duon-nomadaj ĉasistoj kaj primitivaj agrikulturistoj, kiuj ne konis feron. Situante sur la klasika Vojo de Silko inter Eŭropo kaj Ĉinio, tie ankaŭ renkontiĝis la diversaj kulturoj. Apud komerco en Samarkando ankaŭ bone evoluis sciencoj kaj artoj. Anatoli Ionesov fondis kaj gvidas en Samarkando la Internacian Muzeon por Paco kaj Solidaro. Tie videblas eksponaĵoj el la tuta mondo, kiuj parte estas restaĵoj el militoj kaj parte por-pacaj bildoj kaj skulptaĵoj.


Anatoli Ionesov kantas pri paco

*Benno Klehr*

| **Editoraĵoj** | **Karaj legantoj,** |
| --- | --- |
| Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidantino:<br>*Dr. Vesna Stanicic-Burchards* | de nove pasis du jaroj kaj dum la ĉijara jarĉefkunveno ni elektos nian estraron. Mi kredas, ke en tiu ĉi jaro, kiam ni festos la cent-jariĝon de nia societo, niaj membroj nepre devus partopreni la jarĉefkunvenon, por kundecidi pri la estonteco de la klubo.<br>Estas bezonata la engaĝiĝo de pli da |

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de

Redaktofino de

Esperanto HAMBURG

n-ro 3/04: 15-03-2004

membroj por nia afero. Dum la pasintaj jaroj estis nur malgranda nombro de personoj, kiuj organizis la agadon kaj ankaŭ faris la laboron. Restis multaj bonaj ideoj ne efektivigitaj pro manko de fortoj. Dum la Hamburga Somero en 2003 tamen montriĝis, ke dividado de laboro inter multaj bone funkcias. Do ni ĉiuj kontribuu laŭ niaj povoj, por atingi sukcesan laboron.

*Benno Klehr*

**Sentenco**

Multaj gutoj
faras oceanon.

*N. N.*

## Kurso por komencantoj

dimanĉe, 11a ĝis 17a horo, ĉiun trian semajnon
Datoj:
1a de februaro
22a de februaro
14a de marto
4a de aprilo ktp.

Peggy Ley

**Invito al la jarĉefkunveno**
**de Hamburga Esperanto Societo**
la 19an de Februaro 2004 je la 20a horo
en la Esperanto-Domo

Tagordo (laŭ statuto)

1. Jarraporto kaj kasraporto
2. Raporto de la revizoroj
3. Diskuto kaj decidoj pri akcepto
4. Senŝarĝigo de la estraro
5. Raporto de la konsilantaro
6. Elekto de estraro
7. Elekto de konsilantaro
8. Elekto de revizoroj
9. Buĝeto kaj kotizoj
10. diskuto kaj decido pri proponoj
11. Diversaĵoj

Atentu!
Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron
ĝis la 5a de Februaro 2004

## Helpemuloj serĉataj!

Por la Eŭropa Semajno ni planas
Informstandon antaŭ la urbodomo
de 30a de Aprilo ĝis 2a de Majo.
Bonvolu anonciĝu ĉe la estraro.

Seminario pri moviĝo - nutriĝo - malstreĉiĝo
plejparte en Germana lingvo:

*Mit allen 5 Sinnen leben*

Bewegung - Ernährung - Entspannung
Datum: 14. 02. 2004 15-18 Uhr

- Bewegung und Ernährung in Deutsch
- Entspannung in Esperanto
- Gemeinsam Suppe kochen und essen

Bitte im Klub anmelden
*Brigitte Willand*

3-a Finow-Kanal-Kunveno 25.-27.06.2004 (alventago 25.06.2004)

En belega naturamika domo ĉe Üdersee proksime al la urbo Eberswalde (en regiono Barnim, norde de Berlin)

El la Programo:
Vendredo, 25.06.2004: Alvojaĝo
18.oo h.: Vespermango, interkonatiĝvespero
Sabato: 26.06.2004
09.00: Prelego kaj diskuto: Historio de kanaloj. Gvido: Benno Klehr
14.00: □pveturado sur la Verbelin-Lago. Prezo: 8 €
Dimanĉo: 27.06.2004
09.00: Vizito de la forstbotanika ĝardeno Ebersvaldeo.
Gvidanto: Dr. G□□ scienca estro de la ĝardeno
Informadresoj:
Hannelore Brunow, Hamburg, Tel: 040/240723
Dr. K.-H. Simon Eberswalde, Tel: 03334/22154

---

**Nia programo**

| Februaro 2004 | Marto 2004 |
|---|---|
| **4** *Werner Bormann:* **Germanaj Esperanto-Kongresoj en Hamburg**<br><br>**13 Preparado por la** | **4** *Mariko Aoshima:* **Ĉu Japanaj manĝaĵoj estas salubraj?**<br><br>**11 Preparado por la** |

| kluba jubileo | kluba jubileo |
|---|---|
| 19 **Jarĉefkunveno 2004 de HES**<br><br>26 *Vesna Stanicic-Burchards:* **Vivo en nuna Kroatio** (kun lumbildoj)<br><br>28 **Harema Festo** je la 18a horo | 18 *Hannelore Brunow:* **Sur la spuroj de kastel-posedantoj en norda Germanio**<br><br>29 *Historia Serio de Werner Bormann:* **La UEA-kongreso en Hamburg 1974** |
| **Harema Festo<br>28.02.2004, 18a horo<br>Gastoj estas bonvenaj** | **Proponoj al la jarĉefkunveno 2004 devas atingi la estraron ĝis la 5a de Februaro 2004** |

**Eŭropa Semajno 2004**

FR 23.04. • 18:15 Uhr Universität Hamburg, Hörsaal K • SEV

*"Wirtschaftlicher und sozialer Fortschritt in der erweiterten EU durch eine Neue Ökonomie der Fürsorge?"*
Vortrag von Gerhard Hein*

SA 24.04.    SEV
Angemeldet; noch keine Einzelheiten geplant
*Auf der Rathausbühne:*
*"Infos zur internationalen Sprache Esperanto & Musik mit RALPH GLOMP"*

DI 27.04. • 19:00 Uhr • Katholische Akademie Hamburg
Herrengraben 4, beim S-Bahnhof Stadthausbrücke • SEV

*Wie könnte Soziale Marktwirtschaft in der erweiterten EU unsere Hoffnung auf Stabilität, Vollbeschäftigung und sozialen Fortschritt erfüllen? Ein Plädoyer für sozialen Aufbau statt Abbau*
*von Gerhard Hein**

18:30 Uhr • Einritt 5 €
New Living Home • Julius-Vosseler-Straße 40,
direkt gegenüber U-Bahn Hagenbecks Tierpark • NG mit SEV

**Vortragsveranstaltung zum EU-Beitritt von Polen:**
*Dr. Andrzej Kremer,* Generalkonsul der Republik Polen
*Polen in der Europ較chen Union*
*oProf. Dr. Werner Bormann,* Intern. Akademie der Wissenschaften
*Ein polnischer Humanist:* Zamenhof und die Völkerverständigung

*) Anmerkung für die Esperanto-Freunde:
In Verbindung mit diesem EU-politisch aktuellen Thema wird auch das europäische Sprachenproblem angesprochen.

---

**Post la G.E.A.- kongreso ripozo ĉe Balta Maro 31.5. – 4.6. 2004**

# I n v i t o

La S.E.E.-hotelo en Negast proksime de la urbo Stralsund invitas al ripoz-plena postkongresa ekskurso. La prizorgado de la gastoj okazas fare de la Antaŭpomeria Esperanto-Grupo Stralsund.

Provizora programo:

| | |
|---|---|
| lundo, la 31. 5. 04 | - Ekveturo de Neubrandenburg al Stralsund - Negast |
| | - Okupo de la kvartiroj |
| | - Interkona vespero |
| mardo, la 1. 6. 04 | - Ekskurso al la insulo Rügen |
| | - Komuna kantado |
| merkredo, la 2. 6. 04 | - Komuna naĝado |
| | - Vizito de la urbo Stralsund kun marmuzeo |
| ĵaŭdo, la 3. 6. 04 | - Urbo Greifswald |
| | - Teatro aŭ adiaŭa vespero kun kegloludo (dependas de la tiutempaj ofertoj) |
| | - vizito de la duoninsulo Devin kaj hejmenveturo |

Kostoj: La dulitaj ĉambroj kostas 77 €, do 38,50 € po persono dum unu nokto.
La unulitaj kostas 54 €. Sed, se aliĝos sufiĉe da personoj, la hotelo faras apartan grupprezon. La tranoktoj inkludas kompreneble la matenmanĝon. Por busveturoj al Rügen kaj Greifswald oni devas kalkuli ĉirkaŭ 25 € (dependas de la nombro de la personoj). Oni ĉiam devas pagi la tutan buson. Krome estas kalkulenda mono por enirbiletoj en muzeo aŭ teatro.
Mendoj: aliĝoj rete al Gunter Ebert (Stralsund), telefono +49 3831 490003

Re al Esperanto en Hamburg